9-a jaro. — N-ro 9-10 (103-104) Sept.-Okt. 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) fr. 5.—
Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» fr. 10.—
Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) fr. 25.—
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) fr. 50.—

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO "

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Visé), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay), S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antv. Grupo Esper.: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstr..
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom: Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent.
C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Hérion, rue des Raines, 8.

9a JARO SEPT.-OKT. 1923 No 9-10 (103-104)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## XIIIa Belga Kongreso

Ni havas la plezuron informi, ke la venonta XIIIa Belga Kongreso okazos en Bruĝo dum Pentekosto proksima. La «Bruĝa Grupo Esperantista» akceptis preni sur sin la organizon de nia ĉiujara nacia festo kaj, konante la sindonemon kaj la lertecon de ĝia estraro, ni ne dubas, ke ĝi sukcesos aranĝi tre interesan kongreson. Ni de nun faras alvokon al la grupoj por ke ili ĝin ĉeestu grandanare.

## Elekto de Lokaj Delegitoj

La XVa Belga Kongreso de Esperanto (St. Nikolao, 1922) esprimis unuanime la deziron, ke, por plimultigi la propagandajn fokusojn por Esperanto en nia lando, kaj por kuraĝigi fondon de novaj grupoj Esperantistaj, la Estraro de la Ligo esploru la eblecon elekti lokajn delegitojn de la B. L. E. en lokoj, kie ne jam ekzistas grupo.

La Liga Komitato, dum sia kunveno de 19a de Nov. 1922, komisiis S-on Schoofs efektivigi tiun deziron. Tiel ĉi tiu sin turnis al multaj samideanoj en malgrandaj urboj kaj vilaĝoj, kun la peto ke ili akceptu la funkcion de «Loka Delegito de Belga Ligo Esperantista» en sia loko.

Li jam ricevis respondon de kelkaj el ili, kaj petas la aliajn resendi sian respondilon kiel eble plej baldaŭ. Li ankaŭ faras varman alvokon, ke ĉiu esperantisto, kiu estas ema por kunlabori kiel Loka Delegito, senprokraste sin anoncu al li.

Ni ne dubas ke, per tiu nova aranĝo, ni sukcesos altgrade akceli la agadon de nia Ligo en la tuta lando.

Dankon al tiuj, kiuj jam akceptis, kaj bonvenon al tiuj, kiuj sin prezentos! Neniam ni estos tro multnombraj!

NOMARO DE LA JAM AKCEPTINTAJ « LOKAJ DELEGITOJ »

ANDENNE (Namuro). — D-ro Auguste Melin, kuracisto, rue Grande, 9.

AVELGHEM (Okc. Fl.) — S-ro Jules Vandenbulcke.

BAESRODE (Or. Fl.). — S-ro Karel Lijnneel, Komunuma instruisto, Groote plaats, 4.

BRECHT (Antverpeno). — S-ro Eduard de Metsenaere, Dogana oficisto, Kerkstraat, 4.

CASTEAU (Mons) (Hainaut). — S-ro Nestor Botte, kuracisto, Rue de Bruxelles, 40.

DOLHAIN (Liége). — F-no Gérardine Göbbels, Place d'Andrimont, 51.

DRONGEN (Or. Fl.). — F-no Irma De Vlieger, Breedestraat, 158.

DURBUY (Luksemburgo). — S-ro P-ro de Bry, Gustave, Parohestro, Petit Han, 102.

EEKLOO (Or. Fl.). — S-ro Alfons De Mesmaeker, Vagonarestro, Gentsche steenweg, 38.

KOEKELBERG-(Bruxelles (Brab.). — S-ino F. Staes-Vandervoorlernejestrino, Avenue de la iberté, 11.

KORTRIJK (Okc. Fl.). — S-ro P. Mattelaar, apotekisto, Voorstraat, 40, Tel. 221, P. Ĉ. 260,81.

LEMBEKE (Or. Fl.). — S-ro August Van Acker, Komunuma Kasisto, Dorpstraat, 30.

MARBORDO (Suda parto). — S-ro Paul Benoît, hotelestro, Oostduinkerke (Okcidenta Flandro).

NINOVE (Or. Fl.). — S-ro Léon Cogen, Pacjuĝisto, Dreef, 52.

OUGREE-SCLESSIN (Liége). — S-ro Jules Bissot, lignomodelisto, Rue Trazegnies, 72.

PHILIPPEVILLE (Namuro). — S-ro Camille Lecerf, Staciestro, Stacidomo.

ROCHEFORT (Namuro). — S-ro Raymond Sandron, Inĝ.-bierfaristo, Avenue de la Gare, 22.

ROESELAERE (Okc. Fl.). — S-ro Joseph Decoene, C. SS. R, Redemptoristo Misiisto, St. Alfonsusstraat, 40.

RUSSEIGNIES par Amougies (Or. Fl.) — S-ro Joseph Verdonckt.

VISE (Liége). — S-ro Camille Babilon, Telefon-kaj Telegrafestro Rue Station.

WAASMUNSTER (Or. Fl.). — S-ro Vilhelmo D'haese, kambiisto, Hoogstraat 37.

ZELE (Or. Fl.). — S-ro Antoine de Vylder, komercisto, Hoekstr., 1.

---

# Dankon

— Al S-ro Paul Benoit, Oostduinkerke, kiu sendis al nia kasisto Fr. 40.— por la kaso de «B. E.» Niaj legantoj scias, ke tiu samideano dediĉas 5 o/o al Esperanto de ĉiuj sumoj pagataj de Esperantistoj en lia hotelo «Grand Hotel d'Oostduinkerke».

— Al S-ro Doktoro Botte, Casteau, kiu ankaŭ donacis Fr. 17.— al nia revuo.

Kiu helpos nin daŭrigi tiun rubrikon en la estontaj numeroj de B.E. ?

# Por la Monumento Zamenhof

Deka Listo:

| | | |
|---|---|---|
| F-ino Yvonne Thooris | | Fr. 20.— |
| | Antaŭaj listoj: | 971.— |
| | Sumo: | Fr. 991.— |

**Raporto de la Organiza Komitato al la XV-a Universala Kongreso de Esperanto Nürnberg Aŭgusto 2-8 1923**

La konkurso por la monumenta desegno okazis en Polujo, kaj rezultis ke 2 verkoj ricevis premiojn I-an kaj 2-an, kaj kelkaj aliaj senditaj verkoj estis distingitaj. Bildoj de la du premiitaj verkoj aperis en « Esperanto » No. 289, Feb. 1923, kaj en « Revuo de Esp. Triumfonta », No. 6, Apr. 1923. Responde al invito en tiuj gazetoj de la Org. Kom., ke la Esperantistaro esprimu sian opinion kaj preferon al unu aŭ la alia projekto, alvenis multaj interesaj leteroj, kiuj montras preferon al la I-a verko 5; prefero al la 2-a verko, 4, kaj komisiono de tri arkitekturistoj kun du grupoj en Antverpeno, malŝato de ambaŭ verkoj, 4.

Ĉar la Org. Kom. havis preferon al 2-a verko, ĝi sciigis tion al la Loka Varsovia Komitato en letero 3, Dec. 1922. Sekvis longa korespondado en kiu estis diskutita ankoraŭ alia projekto, ne premiita sed distingita.

La Varsovia Kom. ankaŭ komunikis, ke estas urĝe necese fari tujan decidon, ĉar la tombo de la Majstro bezonas riparon, kaj se ni ne tuj konstruos la Monumenton, la familio de la Majstro devos elspezi monon por la riparo. La Org. Kom. respondis, ke oni povas komenci la bazon de la monumento, kaj tiel eviti nenecesan elspezon por riparo, ĉar la sama bazo taŭgos ja por iu monumento elektota, kaj samtempe petis de la Varsovia Kom, sciigon pri la kosto de la proponitaj projektoj por posta definitiva decido.

La Organiza Komitato proponis sendi el Skotlando la graniton, kiu estas la plej bona kaj longedaŭra. Je la lasta momento, antaŭ la forsendo de tiu ĉi raporto, alvenis respondo el Varsovio : La aŭtoro de la I-a projekto, S-ro Lubelski, postulas

1. Por la pretigo de lia projekto kune kun fundamento kaj starigo sur la tombejo, £ 220 ĝis £ 240 sterl.
2. Por la sama, sed el alia materialo; Bavara Kalko — Bayerischer Muschekalk — Kirchleimer Kernstein — al li liverota, £ 180 ĝis 200 sterl.
3. Tiuj sumoj estos altigitaj laŭ la altiĝantaj prezoj de la laboro kaj tiea materialo.

La aŭtoro de la 2-a projekto, S-ro Breyer, tute ne respondis al kelkfojaj demandoj kaj ne donis definitivan prezon. Kredeble li ne havas tempon okupiĝi pri nia afero. Antaŭ kelkaj monatoj li postulis

£ 300 sterl. Nova kunsido okazis de la Loka Varsovia Kom., kie estis unuanime decidita : 1. Definitive rekomendi al la Internacia Mon. Kom. 1. la 1-an projekton de S-ro Lubelski. — 2. Ĉar la projekto havas 4 flankojn, oportunajn por surskriboj, — proponi al la Int. Kom., ke ĝi rekomendu al Esp. grupoj kaj privataj personoj aĉeti lokojn sur tiuj flankoj de la Mon., por ke ĉiuj povu fari sian surskribon por certa sumo da mono. Tio estos duoble utila; ni ricevos monon kaj faros bonegan propagandon, se oni vidos multajn surskribojn de diversaj grupoj, eĉ ekstereŭropaj.

Dum la nuna Kongreso okazis kunsido de la Internacia Komitato por la monumento kaj estis unuanime decidita:

1. Definitive akcepti la verkon de Lubelski, kiu ricevis la I-an premion. Kaj senprokraste alpaŝi al la konstruigo de la monumento.
2. Ke la granito estu el Skotlando pro ĝia longa daŭreco.
3. Ĉiu teksto sur la monumento estu en la Esperanta lingvo, escepte la nomo de la artisto.
4. Akcepti la proponon de la Varsovia komitato pri surskriboj de nomoj sur la flankojn de la monumento, kondiĉe, ke la nomaro estu kompleta antaŭ la oficiala malkovro de la monumento, kaj nur nomoj de Naciaj Societoj estu akceptatoj. La Org. Kom. ekzamenu la minimuman pagkondiĉojn de ĉiu lando por rajtigo al surskribo.

FINANCO. Kvankam la fina decido pri la akceptita projekto estis sufiĉe grava kaj malfacila, la Org. Kom. esperas ke finfine la problemo solviĝis je la kontenteco de la tutmonda samideanaro, oni ne povis atendi tro rapidan agadon en afero, kiu koncernas grandan aron da homoj kun diversaj opinioj kaj vaste malsimila gusto. La pli grava problemo tamen estas la la financa, kiu en la opinio de la Org. Kom. iras multe tro malrapide. De la raporto de nia honora Kasisto oni vidos, ke dum la lastaj dek du monatoj ni sukcesis kolekti nur la sumon de ĉirkaŭ £ 78 sterl., kaj tion preskaŭ entute de Britaj Esperantistoj. Sendube la malbonaj ekonomiaj kaj monkurzaj kondiĉoj sur la kontinento de Eŭropo respondas multe por tio, sed la Org. Kom. ne povas esti ne surprizita je la ŝajna apatio de la Esperantistoj de tiuj landoj, kie la monkondiĉoj kaj la ekonomiaj cirkonstancoj estas en sufiĉe bona stato, kaj ankaŭ la Esperantistaj centroj sufiĉe fortaj. Kvankam ni forsendis cirkulerojn al preskaŭ ĉiuj konataj Esp. Organizoj tra la mondo, multaj ne respondis.

La ĉefaj Esp. gazetoj « Esperanto » de U. E. A. kaj Esp. Triumfonta, daŭrigis sian helpon dum la jaro per artikoloj, kaj por tio ni esprimu niajn sincerajn dankojn al ties redaktoroj.

**Oficeja Statistiko.** Periodo : de la komenco de la laboro; Leteroj ricevitaj 287; Leteroj forsenditaj 220; Cirkuleroj k. t. p. 744.

J. D. APPLEBAUM
Honora Sekretario de la Organiza kaj Internacia Komitato.

**Raporto de la Honora Kasisto.**

ENSPEZO.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Porto de 1922 | | | |
| Mono en Kaso | | £ 3,16,9 | |
| Deponita en Banko | | £ 47,13,6 | |
| | | | £ 51,10, 3 |
| Enkasigo en Brita mono de 4,093 kĉ deponita en Banko de Bohemio kun procentaĵo | | | £ 23, 2,10 |
| Enkasigo en Brita mono de alilandaj monbiletoj antaŭe raportitaj | | | £ 13,11, 5 |
| Mono ricevita interdume | | | £ 77,14, 3 |

ELSPEZO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Pagita por kuponkartoj kaj forsendo | | £ 16, 4,9 | |
| Poŝtelspezoj k. t. p. | | £ 4, 9,4 | |
| Saldo: | | | |
| Deponita en Banko | £ 143, 4,11 | | |
| Mono en kaso | £ 1,19, 9 | £ 145, 4,8 | |
| | | £ 165,18,9 | £ 165,18, 9 |

| | |
|---|---|
| Mono en Banko de Komerco en Lodz. | Pol. Mk. 95,314,30 |
| Mono en kaso ĉe la Kasisto | Grm. Mk. 100,000,— |

Wm. PAGE, Honora Kasisto, Edinburgh.

MONKOLEKTO.

Bonvolu subteni la kason per mondonacoj aŭ per vendo de la Kupon-kartoj.

Sendu monon al hon. kas.

Wm. PAGE, 31 Queen St., EDINBURGH (Skotlando).

Adreso de la hon. sek.

J. DE APPLEBAUM, 11 Mayville Road Mossley Hill, Liverpool, (Angl).

---

POR « ESPERANTA LIGILO » DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ.

Dek-dua Listo:

| | |
|---|---|
| F-ino Blanche Geers | Fr. 20.— |
| F-ino Irma Van Ganse, | 20.— |
| F-ino Alice Van Ganse | 20.— |
| Kolekto okaze de la disdono de premioj al laŭreatoj de Esp. kurso en lernejoj de Verviers. | 20.— |
| Antaŭaj listoj: | 717.80 |
| Sumo: | 797.80 |
| (kaj Gmk. 3451) | |

Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto No 284.20, Antwerpen.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. — **Esperanta Fako ĉe Skolta Ekspozicio.** — Tiu ekspozicio enhavis tre belan Esperantan fakon aranĝitan de nia juna Samideano J. Van Gulck, kiu ankaŭ sukcesis anoncigi kurson de Esperanto organizotan en la Antverpena distrikto de la Belgaj Baden Powel Knabo-Skoltoj.

LA VERDA STELO. — **Pulĉinela Reprezentado.** — Ĵaŭdon, la 22 an. de Novembro, vespere okazos en la mondfama-reĝa-subtera pulĉinela kelo de la «Bloedbàrg» reprezentado de la terura-emociiga-ploriga ridiga drama komedio «De Leeuw van over 't Water». La programo estas havebla ĉe la fidelaj gemembroj kaj en la sekretariejo de la grupo, Kleine Beerstraat, 45, je la bagatela prezo de 1.25 fr. Ĝi servas kiel enirilo kaj estas ankaŭ uzebla por diversaj aliaj celoj: enpakigo de buterpanoj, tedigado de korespondanto, k. t. p. Ankaŭ tiuj, kiuj devas esti ĉe sia amatino la saman vesperon aŭ kiuj pro iu alia kaŭzo ne povas ĉeesti la reprezentadon, aĉetu programon: ili helpos mortigi la ratojn kiuj enloĝas en la grupa kaso. Sed tiuj, kiuj ne venos, bedaŭros tion dum sia tuta vivo! Ni kunvenos je la 8a, en la kafejo, «Het Heilig Huiske», Leopoldplaats, 2, de kie ni iros ĉiuj kune al la teatro. Malbonan humoron oni lasu hejme!

— **Sporta Sekcio.** — En nia grupo fondiĝis Sporta Sekcio. Jam multaj gemembroj enskribiĝis sin por la ludado per korbopilko, tamen mankas ankoraŭ al ni kelkaj fraŭlinoj kaj sinjoroj por atingi la necesan nombron de ludantoj. Ĉiuj verdstelanaj gesportemuloj sendu sian aliĝilon al la sekretariejo de la grupo aŭ venu al la ĉiusabata kunveno de la grupo, kie ili ricevos ĉiujn deziratajn informojn.

**Esperantista Grupo Socialista « Nia Ideo ».** — La 7an de septembro tiu grupo organizis paroladon pri kaj por Esperanto. Kiel sekvo okazas nun kurso en Popola Domo kun 30 partoprenantoj.

GENTO. — Novaj kursoj okazas nun organizitaj de la grupo « La Progreso ». Merkredon, 7an de novembro, okazos en « Grand Hôtel Colombophile » je la 18 ½a, parolado en Esperanto pri magio, farota de Sro. Advokato Paul Mast, sub la aŭspicoj de la « Genta Grupo Esperantista ». Tiu parolado estos ilustrata de lumbildoj tre interesaj.

HODIMONT. — Ĉe la « Cercle d'Etudes », publika kurso estas en preparo. Gvidos ĝin, Sro I. Delhez, delegito de U. E. A. por Hodimont. Cirkuleroj estas dissendotaj en la tuta komunumo.

LEDEBERG. — Novaj publikaj kursoj, unua-kaj duagradaj, oficale organizitaj de la komunumo, okazas ĉiudimanĉe matene en la komunuma knaba lernejo.

MEHLENO. — Nova kurso por plenkreskuloj okazas nun kun 15 gelernantoj.

SANKTA NIKOLAO. — S-ro. De Boes organizis paroladon faritan la 21an de septembro de nia propagandisto S-ro. Frans Schoofs, antaŭ 40 geĉeestantoj. Poste kurso estis malfermata por 10 lernantoj.

VERVIERS. — Kun la realveno de la laborsezono, la intereso por Esperanto revekiĝas en nia urbo.

La nedeviga kurso ĉe la 4a grado de la urbaj lernejoj de Verviers rekomencos, de nun sub gvidado de instruisto, Sro Racoux. La peto pri nova jarsubvencio de 500 Fr. estos tuj sendata al la Urbestraro.

Post sia ĝenerala kunsido; okazinta je la fino de oktobro, Esp. Grupo de Verviers remalfermos en sia sidejo «La Mutuelle» kurson de Esperanto.

Sabaton 13 an de Oktobro, okazis en la Popoldomo granda publika parolado de Sro Haine, (Bruxelles) pri la Lingvo Internacia kaj ĝia neceseco por la laboristoj. La Laborista Grupo remalfermos kurson pri Esperanto.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «Concordia», organo de la Oficista Sindikato de Komerco kaj Industrio, (1-9): anonco pri malfermo de kurso pri Esperanto, kaj informo pri parolado de nia amiko Maurice De Ketelaere.

«De Diamantbewerker» (22-9): anonco pri estonta kurso de «Verda Stelo» (29-9): pri kurso organizota de Antv. Grupo de Diamantistoj (6-10): informo pri la forigo de la rezolucio de Intelekta Komisiono en Ligo de Nacioj.

«La Métropole» (27-9): informo pri kurso ĉe la Sindikato de Kom. kaj Ind. (1-10) informo pri forigo de la rezolucio de I. K.

«Morgenpost» (-10): sama informo.

«Le Matin» (1-10): sama informo.

«Neptune» (20-8): noto ke la alvoko de la amerikano Henri Georges ankaŭ eldoniĝis en Esperanto.

«De Schelde» (8-9): granda artikolo por Esperanto. La verkinto promesas aliajn artikolojn pri la temo. Brave!!

«De Scout», flandra organo de la B. P. B. Boy & Sea Scouts, (Aŭg. 1923): tiu numero enhavas kromfolion kun la resuma gramatiko «Esp. in een oogslag!» aperinta en nia antaŭa kajero; sur la dorsa flanko estas presitaj bonega artikolo pri «Skoltismo kaj Esperanto» kaj alvoko por kurso pri Esp. en la Antverpena distrikto.

«Volksgazet» (16-17-8): artikoleto pri la kongreso en Nürnberg (3-9): S-ro Cam. Huysmans (Skabeno de publika instruado) respondas al la demando: Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ Esperanto? — Lia respondo estas plene favora kaj akordiĝas tute kun la programo de la Esperantista movado. Finiĝante ĝi diras: «Mi ne havis tempon lerni Esperanton aŭ Idon. Sed mi altŝatas la celadon de la viroj kaj virinoj, kiuj daŭrigas la verkon de Zamenhof kaj liaj disĉiploj. — Facila «helplingvo» kiu estus akceptita de la tuta mondo, estigus, laŭ nura scienca vidpunkto, mirindaĵojn por la disvolvigo de la ideoj». (18-9): informo pri kurso en Meĥleno.

«De Transportarbeider» (Sept. 23) alvoko al ĉiuj Esperantistoj anoj de la transporta fako.

BRUSELO: «Le Front Unique» (5-8): noto pri la 3a internacia kongreso de laboristoj Esperantistaj en Cassel, kiu laŭ tiu informo «havas nenian rilaton kun tiu de la «burĝaj» Esperantistoj en Nürnberg». Ni permesas al ni dubi, ĉu tia koncepto pri propagando akordiĝas kun la vera, interna celo de nia movado.

« Journal de Bruxelles » (1-8): Telegramo el Münich pri la XVa.

« Le Soir » (8-9): Noto pri la kontraŭesperanta rezolucio de la Intelekta Komisiono de L. d. N. (*)

CHARLEROI. — « La Piste », franclingva organo de B. B. P. Boy-Scouts (Aŭgusto 1923) : Tradukaĵo de artikolo « Skoltismo kaj Esperanto » el « E. T. ».

« Le Journal de Charleroi» (?-9): Artikolo de S-ro Jules Destrée pri Esperanto ĉe la Komisiono de Intelekta Kunlaboro. Ni tute ne respondos al ĉiuj argumentoj kontraŭ Esperanto, ĉar la praktiko jam de longe detruis ilin. Ni simple notos ke la verkinto akceptas, ke Esperanto kapablas servi kiel interkomunikilo por la « komuna vivo » inter diverslandaj homoj, kaj ni tradukos la lastan parton de la artikolo, kiun oni povus konsideri kiel «motivigon» de la rezolucio de la Intelekta Komisiono:

« Tiun praktikan uzadon, ĉiu povas ĝin facile laŭvalore juĝi. Kaj la Kunveno de la Ligo de Nacioj estas kapabla decidi pri la aranĝoj farotaj aŭ montrotaj laŭ internacia vidpunkto.

« Se ĝi juĝis oportune konsulti la Komisionon pri Intelekta Kunlaboro, tute ne estis por havi ĝian opinion pri la praktikaj avantaĝoj de Esperanto, sed pri la uzado de tiu lingvo en la alta kulturo scienca aŭ literatura, en la funkcio de l'idealo de la Ligo de Nacioj: la alproksimiĝo de la popoloj.

«La respondo, akceptita kvazaŭ-unuanime, estis nea. La Komisiono opinias ke Esperanto, precipe pro ĝia grandega simpleco, ne estas rekomendinda al la intelektuloj, por la laboroj filozofiaj, literaturaj aŭ sciencaj. — Plie, ĉiu artefarita lingvo, senigita je korsentaj elementoj, ne enhavas la eblecon alproksimigi la animojn. Nur la studado de fremdaj lingvoj, literaturoj kaj civilizacioj povas havis tiun efikon, ĉar, kiel diris per altsentaj paroloj la prezidanto Bergson : « Tiu, kiu bone konas la literaturon de popolo, neniam povas tute esti ĝia malamiko ». S-ino de Staël ankaŭ diris : « Ĉion kompreni, estas ĉion pardoni». —» —»

Ni do fakte almilitis la unuan « tranŝeon ». Ĉu vi ne aŭdas la profetan frazon de Zamenhof : « Guto post guto, konstante frapante, traboras la monton granitan» ?

Ni fine nimarku ankoraŭ, ke la rimedo sugestita de la Komisiono por alproksimigi la popolojn estas, laŭ nia scio, tiu, kiu estas jam praktikata de multaj jarcentoj, kaj verdire ni ne tre facile povas konsenti pri ĝia bonefiko... Male..., se ni devas juĝi pri la atingitaj rezultatoj!

CUESMES. — «L'Avenir du Borinage» (3-10): informo pri forigo de la rezolucio de Intel. Komisiono.

GENTO. — « Gazette van Gent » (10, 17, 24, 31-8; 7, 14, 21, 28-9; 5-10) : diversaj facilaj legaĵoj en Esperanto, kun traduko en flandra lingvo.

LIEGE. — « L'Express » (28-7) : noto pri la Komerca konferenco en Venezio.

« Journal de Liège » (31-7) : noto pri Venezio; (23/24-9) : favora artikoleto pri Esp. okaze de la Internacia kongreso de la Policistaro en Vieno, kaj okaze de lingvaj malfacilaĵoj dum krima proceso antaŭ nelonge pledita en Londono.

MEĤLENO. — « Gazet van Mechelen » (21-9) : represo de la artikolo « Scouting en Esperanto »; (1-10) : informo pri forigo de la rezolucio de I. K. (3, 10-10) : anoncoj pri nova kurso.

NAMUR O. — « Vers l'Avenir » (9-8) : informo pri la rezolucio de I. K. (*)

VERVIERS. — « Le Jour » (4-10) : granda artikolo pri la disdono de premioj al infanoj de la kvaragrada lernejo kiuj sukcesis sian ekzamenon pri studado de Esperanto dum la pasinta lernojaro.

---

Rimarko : granda parto de la ĉi supre cititaj artikoloj estas sendita al ni de la «Auxiliaire de la Presse», 7 Rue du Rouleau, Bruxelles, kiun ni ĉi tie varme dankas kaj rekomendas.

(*) Laŭscie ne aperis en tiu gazeto la informo pri la forigo de la citita rezolucio.

---

# La Nealkutimiĝinta Fremdulo

**Dediĉata al S-ro R. Goldner, Zagreb.**

Enirante en kafejon
ĉe la tablo metis sin
fremdlandano demandante
ke kelnero servu lin.

Sed kelnero, ne lingvisto
kun bedaŭro en la ton'
diris ke al li ne estis
komprenebla la ordon'.

Mi en la proksimo sidis
kaj klarigis kun bonvol'!
« Varman vinon li deziras
en fremdlanda la parol' ».

Nun komprenis la servisto
kaj alportis kun sopir'
krom la glason kaj la vinon
ankaŭ kukon al la vir'.

Netrinkeble varma estis
la produkto de l'vinber'
kaj la bastonforman kukon
prenis gast' el la teler'.

Sed mieno lia ŝanĝis
kaj kuraĝo estis for;
kaj pensante li ekdiris
kun malĝojo en la kor' :

« En gepatra lando mia
la kutimojn konas mi,
sed je kiu flank' la kukon
oni manĝas tie ĉi ? »

Antverpeno, 24 an de Sept. 1923.

Juul KARNAS.

# Esperanto en la Lernejo

## 3a ESPERANTO-TAGO EN VERVIERS

La 3a Esperanto-Tago en Verviers donis okazon al la tieaj samideanoj publike soleni en la sidejo de sia grupo, « La Mutuelle », la disdonon de premioj al 11 laŭreatoj de la finiĝinta kurso de Esperanto ĉe la 4a grado de la urbaj lernejoj, por kiu la Urba Konsilantaro konsentis lastan jaron subvencion de 500 Fr.

Ĉeestis Sro F. Grün, provinca konsilanto; Sro Hosay, urba konsilanto; Sro H. O. Longtain, direktoro de la urbaj lernejoj, kaj Sro L. Lambion, prezidanto de la popola universitato « La Mutuelle ». Senkulpiĝis pro neĉeesto: Sro L. Defays, urbestro, vic-prezidanto de la Esp. grupo; Sro L. Pirard, skabeno pri Instruado, kaj kelkaj aliaj invititaj eminentuloj.

La prezidanto de la Esp. Grupo, Sro Jos. Pirnay-Demez urba konsilanto malfermis la kunvenon kaj legis gratul- kaj salutleterojn, interalie de Lokeren kaj Mehleno.

Li poste prezentis Sron Frans Schoofs, el Antverpeno, kiu, per elokventa kaj samtempe modera sed trafa parolado, montris la lastajn progresojn de Esperanto, precipe ĉe Ligo de Nacioj kaj en konferenco de Venezia. Fine, li turnis sin per Zamenhofa lingvo al la infanoj premiotaj, kaj tiu alparolado, en formo klara kaj simpla, kaj funde plej kortuŝa, ne estis la malplej trafa konvinkigilo por la ĉeestanta publiko.

Inter tiu-ĉi troviĝis tri bulgaraj studentoj el Liége, el kiuj unu legis de la katedro Esperantan salutparolon.

Du el la premiotaj fraŭlinetoj perkere deklamis en Esperanto: Frno Mariette Dortu: « La Cikado kaj la formiko »; Frno Barbe Bebronne: « La Kverko kaj la Kano» (ambaŭ fabloj de La Fontaine).

Bedaurinde, pro malsaneto, Fro Louise Burhenne en povis deklami trian: « La Korvo kaj la Vulpo.

Antaŭ la disdono de la atestoj kaj premioj, Sro H. O. Longtain, direktoro de la urbaj lernejoj, alparolis la ĉeestantaron montrante sin entuziasma pri la zamenhofa lingvo, kaj faris varman alvokon al la urba konsilantaro pri kiel-eble-plej-baldaŭa oficialigo de la kurso.

Jen la listo de la Atestoj:

Kun granda distingo: al Paquay Marie; Cadiat Jeanne, Burhenne Louise. Kun distingo: al Schommers Pauline, Formatin Alberte, Bebronne Barbe. Kun granda frukto: al Simar Pierre, Nokin Paul. Kun frukto: al Dortu Mariette; Nizet Josephine, Thielen Jeanne.

Premioj konsistis el interesaj libroj en Esperanto, havitaj dank'al la malavareco de S-ro L. Spinhayer, urba konsilanto, honor-prezidanto de Esp. Grupo de Verviers, kaj de Sro Van Heek, el Hengelo, en kies konkurso partoprenis lastan Majon la infanoj. Krom tio, stipendio de 25 Fr. al ĉiu el la du unuaj premiitoj. Por kronumi tiun valoran disdonon, la profesoro, S-ro Jos. Hérion, donacis al la du infanoj, kiuj prezentis la plej interesan kolekton de korespondaĵoj, artan objekton el Hungarujo.

Post la ceremonio okazis vizito de la ekspozicio de korespondaĵoj ricevitaj de la gelernintoj. Entute, 52 korespondantoj el 20 diversaj landoj, i.a. Meksiko kaj Java-insulo.

Posttagmeze, okazis intima ekskurso al najbaraj pitoreskaj lokoj de Polleur, kun partopreno de S-ro Schoofs, membroj de la grupoj de Liége kaj Verviers, kaj kelkaj novaj esperantistinetoj. Brilega suno apoteozis tiun ĝajigan ekskurseton, kaj sennombraj steloj lumis la piedrevenantan, ĝoje kantantan aron.

# Esperanto ĉe Poŝto kaj Telegrafo

La «Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj», sidejoj Bamberg, Paris, Bern, deciids adresi petskribojn al la Internaciaj Poŝt- kaj Telegraf-Unuiĝoj, en Bern, celantajn al enkonduko de ESPERANTO, kiel facile lernebla, neŭtrala internacia lingvo por iliaj multnombraj interrilatoj kun fremdaj administracioj kaj vojaĝantaj personoj; poste ankaŭ kiel sola kongresa kaj kontrakta lingvo.

Certe la praktika uzado de Esperanto en la internaciaj poŝtaj, telegrafaj kaj telefonaj interrilatoj fariĝus tre ekonomia kaj taŭga. Multaj oficistoj ĉiulandaj jam scipovas Esperanton kaj ĉiuj, almenaŭ la junaj, tre volonte lernus kaj uzadus ĝin.

De interparolado kun la estraro de la suprenomitaj Unuiĝoj, tre favoraj al Esperanto, rezultas ke, por atingi tiun gravan celon la konsento de la plimulto de la registaroj aŭ poŝt- kaj telegrafadministracioj estas nepre necesa. Ĉi tiu konsento nur estas atingebla konvinkigante la oficialajn rondojn pri la praktika uzado kaj granda disvastiĝo de nia kara lingvo kaj pri la nombro de ĝiaj adeptoj aŭ partianoj, precipe ankaŭ per aldono de multaj kvalitaj subskriboj al niaj petskriboj.

Ĉiuj Esperantistoj kaj grupoj estas nun petataj kolekti sur listoj, kiel eble plej multe da subskriboj precipe de registaranoj, konsilistoj, administrestroj, estroj de ekonomiaj, sciencaj, filantropaj, teknikaj kaj turismaj societoj (ekz. komercaj ĉambroj, administracioj ktp.); industriaj, komercaj kaj transportaj firmoj, kaj de aliaj eminentaj personoj, esperantistaj aŭ neesperantistaj.

Kiu deziras ricevi liston sin turnu al iu delegito de U. E. A., al nia revuo, aŭ al D-ro ED. SPIELMANN, P. K. 174, Transito, BERN (Svisujo).

## RESPONDO

Iam, dum ekzameno por estonta inĝeniero, juĝanto demandas al studento: « Supozu, ke vi konstruis maŝinon, ke vi mem kunigis ĉiujn partojn, kaj ke vi estas tute certa ke ĉio estas bonorda; imagu, ke via maŝino estas lokita sur ŝipo, kaj ke la akvopumpilo ne funkcias. Kion vi farus?» — La respondo de la studento estis: «Mi rigardus trans la bordon, ĉu estas akvo en la rivero».

M. SOETE.

# Esperanto kaj Komerco

Nova franca komerca Asocio « ESPERANTO ET COMMERCE » estis starigita post dankindaj klopodoj de So G. Delanoue, ĉef-delegito de U. E. A. en Paris kaj de So André Baudet, membro de Paris'a Komerca ĉambro, sekve de la decidaĵoj en Helsinki kaj Venezia.

Post starigmnta ĝenerala kunveno okazis kunveno de la ĵus elektita Administracia Konsilantaro, kiu elektis sian estraron:

Prezidanto: So Dro Nuyts, industriisto, 9 rue du Cherche Midi, Paris 10-e.

Vicprezidanto: So Gourlay, ĉefredaktoro de teknikaj ledindustriaj gazetoj, 54 rue de Bondy, Paris 10-e.

Kasisto: So G. Delanoue, Banka Agentejestro, 4 rue Charles Divry Paris 14-e.

Sekretario: So Marcel Dény, inĝeniero E.C.P., industriisto, 20 rue de l'Arc de Triomphe, Paris 17-e.

Tuj post unua alvoko estis aliĝintaj 50 komercistoj kaj industriistoj, inter kiuj 6 membroj de la Paris'a Komerca ĉambro kaj membroj de aliaj Komercaj ĉambroj kaj Sindikatoj. La ĉefaj celoj estas:

Plifaciligi la komercajn interrilatiĝojn per Esperanto, resp. per tradukoj, informoj, k.t.p.

Helpi al pretigo de teknikaj vortaroj.

Faciligi al la Membroj scipovon kaj praktikan uzadon de Esperanto.

Klopodi por ke Esperanto estu baldaŭ tutmonde uzata por internaciaj interrilatiĝoj de transveturadaj, poŝtaj, telegrafaj, telefonaj, senfadentelefonaj administracioj.

La societo intencas starigi komercan bultenon (parte franclingve, parte Esperante) kaj ricevos dankeme ĉiulandajn informojn, ofertojn, demandojn.

Ĝi bonvole donos ĉiujn petotajn informojn.

Por akceli la tutmondan komercan uzadon de Esperanto, dezirinde estas, ke ĉiuj per - kaj poresperantaj komercaj Asocioj interrilatiĝu kaj kunlaboru.

Sekretaria adreso: ESPERANTO ET COMMERCE, 20 rue de L'Arc de Triomphe, Paris, 7-e.

---

Kun granda plezuro ni eksciis, ke dank' al la klopodoj de niaj amikoj el Mehleno kaj precipe de Sro. Baesens, la tiea «Komerca Ĉambro» oficiale informis la grupon per letero de la 11-6-23, ke ĝi tute aliĝas al la tagordo kaj al la rezolucio proponitaj de la « Komerca Ĉambro » el Parizo.

Ni tutkore gratulas niajn Mehlenajn samideanojn kaj varme konsilas al la aliaj grupoj, imiti la ekzemplon de la Mehlena Grupo. Estas unu el la plej bonaj rimedoj sukcesigi nian aferon.

# La XV^a Internacia Kongreso Esperantista en Nürnberg

## (2-9 Aŭgusto 1923)

La kongreso, en kiu partoprenis pli ol 3000 Esperantistoj el 43 diversaj landoj, estis prezidata de S-ro Dietterle, el Leipzig.

La francaj kaj belgaj samideanoj ne ĉeestis, ĉar la Loka Komitato lastmomente petis ilin ne veni, pro timataj malfacilaĵoj eble kreotaj de la politikaj cirkonstancoj en la kongreslando.

La registaroj de Germanujo, Bulgarujo, Finnlando, Litovujo, Sud-Slavujo, Nederlando, Rumano, Ĉeĥoslovakujo estis oficiale reprezentitaj; ankaŭ la Internacia Ruĝa Kruco kaj la urbo Nürnberg.

Unu el la plej gravaj faktoj de tiu kongreso estas la elekto de la Centra Komitato (C. K.) Ĝi estas kunmetita jene: S-roj Gabriel Chavet (franco), Johann Dietterle (germano),Rudolf Hromada (Ĉeĥo), Kenn (hino), W. M. Page (skoto), Edmond Privat (sviso).

Ni posedas do la **Centran Komitaton** de la Esperantistaro, kiu regas unuflanke la **Konstantan Reprezentantaron** de la Naciaj Societoj (K. R.) **por la propagando,** kaj aliflanke la Komitaton de **Universala Esperanto-Asocio** (U. E. A.) por la **praktika aplikado.**

Por la **lingvaj aferoj** kompreneble ĉiam ekzistas nia **Lingva Komitato** (L. K.), regata de la **Akademio.**

Estis aprobitaj la raportoj de S-ro Th. Cart, prezidanto de la L. K. kaj de la Akademio. — S-ro E. Privat konigis, ke el 32 verkoj prezentitaj al la Akademio, nur du ricevis la oficialan aprobon : la originala novelo « Idoj de Orfeo » de Bulthuis, kaj la traduko en versoj de Küster « Hermano kaj Doroteo » laŭ la originalo de Goethe.

Kiel kutime okazis dekoj da kunvenoj de ĉiuspecaj fakanoj, pri kiuj raportis la specialaj organoj.

La dramo « Natan la Saĝulo » de Lessing, laŭ traduko de Minor, estis ludita de profesiaj aktoroj, kiuj rikoltis plenmeritan sukceson dum la du reprezentadoj. La elparolado estis flua kaj klara.

La gvidantoj de la ilustrita arta revuo « Literatura Mondo » organizis « Kabaredon », kiu plene pruvis plian fojon, ke Esperanto, kiel ĉiu natura lingvo, estas vivanta kaj adaptebla al ĉiuj celoj.

La kongresanoj ekskursis al Rothenburg kaj Schmausenbuck, kaj kunportis neforgeseblan rememoron el tiuj pentrindaj lokoj.

En la ferma kunsido la kongreso aŭdis la invitojn por la XVIa Kongreso Universala, nome, al Bruselo, Sofia kaj Vieno. La prefero de la ĉeestantoj iris al Sofia kaj Vieno; estis malgranda plimulto por Sofia. Ĉar la Belgoj ne povis ĉeesti, S-ro Warden, prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, laŭforte defendis la inviton al Bruselo, kaj ni plenumas devon, publike dankante lin ĉi tie je la nomo de ĉiuj Belgaj samideanoj. — Oni parolis pri Milano, kiel loko por la XVIIa, en 1925a.

## POST LA NURNBERGA KONGRESO
## LETERO DE S-ro PREZIDINTO DE LA XVa KONGRESO

Nürnberg, la 31-an Julio 1923.

Al niaj Francaj kaj Belgaj samideanoj,

Alveninte en la kongresurbo Nürnberg, kie mi verŝajne prezidos nian XV-an Kongreson, mi sentas tion mia devo, esprimi al vi mian vere sinceran, profundan bedaŭron, ke la Kongreso devos okazi sen vi, inter kiuj troviĝas niaj «pioniroj». Ĉi tiun bedaŭron partoprenas, estu certaj pri tio, ĉiuj germanaj gesamideanoj.

Ni ĉiuj esperis ĝis la lasta momento, ke la politika horizonto pliheliĝos kaj permesos la ĉeestadon de tre multaj el vi. Tiamaniere ni ja plej bone estus povintaj montri per nia komuna laboro al la mondo, kion signifas nia ideo, kion celas nia movado.

La politikaj cirkonstancoj estis pli fortaj ol vi, kiuj vi volonte estus venintaj, kaj ol ni, kiuj ni kun ĝojo kaj amike estus akceptintaj vin en nia lando.

Ni esperu, ke baldaŭ preterpasos tio, kio ankoraŭ malhelpas la neĝenatan samideanan kuneston, kio malhelpas la komunan laboron de niaj nacioj por kulturaj aferoj, nepre necesaj por la homaro. Ni esperu, ke nia movado baldaŭ tiom kreskos kaj ke nia ideo tiel progresos, ke helpe de Esperanto ni povos forigi ĉion, kio kontraŭ nia volo disigas homojn, volonte partoprenontajn komunan laboron.

Dum la kongrestagoj ni ĉiam samideane rememoros vin kaj vian diligentan modelan laboron por nia afero. La fakto, ke ni dum la Kongreso estos disigataj, ne povos malhelpi, ke ni sentas nin interne ligataj.

La L. K. K. en Nürnberg, kiu tutkore konsentas mian leteron, komisiis min, transdoni al vi sian plej koran saluton

Bonvolu akcepti miajn bondezirojn por via plua poresperanta laboro kaj samideanan saluton. Prof. DIETTERLE.

Krom tio ni plenumas honoran devon represante el «France-Esperanto» (Aŭg.-Sept. 1923) jenan parton el deklaro de S-ro Gabriel Chavet, Ĝenerala Sekretario de la Centra Oficejo kaj de la K. K. K. :

Dum la tempo de preparo de la XV-a Kongreso, mi konstante devis korespondadi kun la anoj de la Loka Komitato, kaj per tiu interŝanĝo de leteroj, mi konstatis, ke la Nürnbergaj Samideanoj forte deziris kaj esperis, ke Francoj kaj Belgoj povos ĉeesti en granda nombro la Kongreson.

Kiam la politikaj cirkonstancoj fariĝis pli kaj pli malfavoraj, la Loka Komitato faris multajn klopodojn por ebligi, malgraŭ ĉio, nian ĉeeston, kaj por faciligi la senriskan vojaĝon kaj restadon de Francoj kaj Belgoj.

Nur en la lastaj tempoj, pro la pliakreco de la politikaj interrilatoj, niaj Nürnbergaj Samideanoj konvinkiĝis, ke la ĉeesto de Francoj kaj Belgoj riskus naski tre bedaŭrindajn incidentojn, kies okaziĝo povus grave kompromiti la sukceson de la Kongreso kaj la propagandon de Esperanto en Germanujo.

Ili do devis peti la Francojn kaj Belgojn, ke ili ne venu, kaj ili tion faris kun profunda bedaŭro, kies nova kaj ĝusta esprimo troviĝas en la ĉi-supra letero.

Sed mi uzas tiun okazon por publike kaj solene atesti, ke la anoj de la Loka Komitato de la XV-a Kongreso agis tute lojale kaj samideane kaj ne forgesis la «internan ideon» kaj la superan idealon de nia movado.

## LA URBO DE LA XVIa INTERNACIA KONGRESO

La Centra Komitato konsideris la deziresprimojn de la XVa, la ricevitajn invitojn, la necesajn kondiĉojn de sukceso kaj la ĝeneralajn interesojn de nia movado.

Tuj post Nürnberg, la C. K. sin turnis al la bulgara Ministro de Ekstero por demandi, ĉu li estus preta inviti la XVIan kongreson, laŭ la deziro de la bulgaraj kaj de multaj alilandaj esperantistoj. Tre afable li respondis, ke li tre ŝatus tion fari, se nian kongreson partoprenus kelkcentoj da personoj, sed ke tio estus tute neebla se ĝin partoprenus eĉ milo, pro loĝejaj kaj aliaj materialaj malfacilaĵoj. Ĉar publika opinio bulgara favoras Esperanton, la ministro preferus inviti pli malvastan kunvenon de balkanaj landoj pri nia afero.

Samtempe la C. K. korespondis kun la francaj kaj belgaj naciaj societoj. Ili esprimis preferon por Vieno pro la granda distanco al Sofia.

Konsiderinte tion kaj ankaŭ la valorajn garantiojn prezentitajn de niaj Vienaj samideanoj pri loĝejoj, kunvenejoj kaj bona organizo, la C. K. unuanime decidis danke akcepti ilian inviton kaj okazigi nian XVIan Kongreson en Vieno dum somero 1924.

# Ligo de Nacioj kaj Esperanto

## Nova venko

El la rezolucioj de la Komisiono por Intelekta Kunlaborado, la sola kiu ne estis akceptata de la Ligo de Nacioj, estas tiu kiu rekomendas la instruon de fremdaj lingvoj prefere al artefarita mondlingvo. Sufiĉe granda nombro de Delegitoj, inter kiuj Lord Robert Cecil trovis tiun rezolucion neakceptebla pro la grandaj progresoj de Esperanto dum la lasta jaro, ekzemple en Brazilio kies Delegito kontraŭbatalis Esperanton lastan jaron ĉe la Ligo, la parlamento ĵus voĉdonis leĝon starigantan ekzamenojn pri Esperanto en ĉiuj normalaj lernejoj. Tial la raportinto estis devigata retiri la rezolucion de la Intelekta Komisiono.

Tiamaniere Esperanto akiris sian revenĝon kontraŭ la vidpunkto de la Intelekta Komisiono kiu ne estis akceptita de la Ligo de Nacioj.

Genève, 27an de Sept. 1923. U. E. A.

# La Gaja Justeco

Sub la ĵus legita titolo la grava «Journal des Juges de Paix», en la rubriko «Curiosa», publikigas la jenan gajan kaj aŭtentikan juĝon elparolitan, ĝi diras, de unu el la plej simpatiaj kolegoj:

Konsiderante ke la proceso celas por kondamnigi la defendanton pagi al la postulanto la sumon de kvin frankoj reprezentantaj la valoron de du kuniklidoj kiuj estus estintaj liveritaj je kredito, de la servistino de l'postulanto, al la neplenaĝa filo de l'defendanto;

Konsiderante ke rezultas el la klarigoj faritaj dum la aŭdienco, ke la defendanto pruntedonis sian virseksan kuniklon al la postulanto kiu intencis sin dediĉi al la produktado de l'kunikloj unue kaj al la gastronomiaj plezuroj per la produktaĵoj, poste;

Konsiderante ke estas laŭkutime en la regiono de Ĝ... ke oni sin senŝuldigas kontraŭ la propraĵulo de l'kuniklo, kaŭzo komenca kaj efikdoninta de tiaj avantaĝoj, donacante al li unu kuniklidon de ĉiu gravedo, kaj pagante al li krom tio, supertakson de kvindek centimoj, kaj tio, sendube, kun la celo nesuspektebla ŝpari la multvalorajn kreopovajn fortojn de la kuniklo-viro kiam ĉi-tiu konsentas, kiel okazis, forlasi sian praavan kuniklejon, por eniri tiun de siaj samrasanoj;

Konsiderante ke la postulanto ne pruvas ke tiu servo, je speciala speco, estas farita al li senpage; ke, en la ordinaraj rilatoj de la socia kaj ekonomia vivo, la pagaltruda kontrakto estas la principo, la nepagaltruda kontrakto, la escepto;

Konsiderante ke, dum la aŭdienco, la postulanto memorigis malprecize iajn servojn kaj senpagajn farojn kiujn la defendanto aŭ lia familio ŝuldus al li kaj kiuj pravigus la senpagan uzon de la bestio, kaŭzo de ĉiu tiu malbonaĵo; ke tiaj asertoj ne estas konvinkigaj;

Konsiderante ke la defendanto kontraŭmetas al la postuloj de l'postulanto, kontraŭproceson per kiu li postulas siavice ses frankojn el kiuj kvin frankojn pro dufoja pruntedono de sia kuniklo, kaj unu frankon pro la ĝisdoma transporto;

Konsiderante ke la kontraŭpostulo estas pruvita koncerne la unuan parton; ke, koncerne la duan, la defendanto ne pruvis ke lia kuniklo suferis, pro la translokiĝo, ian malbonaĵon aŭ iometan perdon de siaj famaj profesiaj kvalitoj, la eksperimento pruvinta la malon;

Pro tiuj motivoj, Ni Pacjuĝisto, juĝante kontraŭdire kaj senapelacie, kondamnas la defendanton por pagi, por la du kuniklidoj, la sumon de kvin frankoj, al la postulanto, kaj ĉi-tiun lastan, por pagi la saman sumon al la defendanto pro uzo reala kaj efikinta de sia reproduktkapabla kuniklo».

Tiu pacjuĝisto estas certe ŝercemulo, kaj ne estus eble pli gaje forsendi la partiojn dorse-kontraŭdorse!

# L'Espéranto en un coup d'œil !

L'ESPERANTO est PHONETIQUE.

On prononce *toutes* les lettres :

*Une lettre, un son.*

L'ACCENT TONIQUE tombe toujours sur *l'avant-dernière* syllabe.

*Pas d'irrégularités.*

*Pas d'exceptions.*

## L'ALPHABET DE L'ESPERANTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tch* | *d* | *e* | *f* | *gu* |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | | |
| *dj* | *h aspiré* | *h très aspiré* | *i* | *y* | *j* | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *ss* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *ch* | *t* | *ou* | *ou bref* | *v* | *z* | | |

Q, W, X et Y n'existent pas.

A, E, I, O, U se prononcent comme dans *fa, ré, mi, do, route.*

C ne sonne pas comme S, ou comme K mais comme *ts* de *tsar.*

J = *y* dans *yeux.*

Les sons ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, et ŭ se retrouvent dans *tch*èque, a*dj*udant, Aa*ch*en, *j*ardin, *ch*emin et Ra*ou*l.

La GRAMMAIRE se compose de SEIZE RÈGLES FONDAMENTALES.

Les MOTS se forment au moyen de radicaux auxquels s'ajoutent des lettres appropriées.

**O** est la terminaison du SUBSTANTIF : fakto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

L'ADJECTIF se termine en **A** : evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

Les SUBSTANTIFS et les ADJECTIFS forment leur PLURIEL par l'adjonction de **J** (*aj, oj* se prononcent comme dans *ail* et Boïeldieu).

evidentaj faktoj longaj telefonoj grandaj libroj

SIX TERMINAISONS SUFFISENT POUR FORMER TOUS LES TEMPS SIMPLES DU VERBE

| *Infinitif* | *Présent* | *Passé* | *Futur* | *Conditionnel* | *Impératif :* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** forme l'ACCUSATIF (*complément direct*)

Mi (*je*) instruas lin (*lui*)

Li (*il*) instruas min (*moi*)

Vi lernas Esperanton

Les ADVERBES se terminent en **E** : rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

Les PARTICIPES s'emploient comme *adjectifs, substantifs* et *adverbes*.

*Actif* Présent : -ANT' Passé : -INT' Futur : -ONT'

*Passif* : Présent : -AT' Passé : -IT' Futur : -OT'

Mi estas instruanta. Vi estas instruata.

Mi estas la instruanto. Vi estas la instruato.

Instruante, mi lernas. Instruate, vi lernas.

**ĈU** se prononce comme *tchou.* *Forme la phrase interrogative.*

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas *instrumento* (?)

lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas *floro*(?)

melono, banano, figo, piro, pomo — estas *frukto* (?)

hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas *besto* ?)

*Oui* se dit : **JES** et *Non* se dit : **NE**

**LA** (le, la, les) Unique article défini.

tasko, piano — estas (*est*) — simpla, granda

knabo, raporto — estis (*était*) — bela, favora

progreso, anekdoto — estos (*sera*) — rapida, longa

*Le préfixe* **MAL** *indique le contraire.*

malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

COULEURS

blanka papero, blua krajono, nigra inko, bruna tero, rozaj lipoj

NOMS DE NOMBRE : Unu, 1 ; du, 2 ; tri, 3 ; kvar, 4 ; kvin, 5 ; ses, sep, ok, naŭ, dek ; cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono. ADJECTIFS NUMÉRAUX ORDINAUX : unua klaso, dua klaso, etc. Comme Adverbes : *unue,* premièrement ; *due,* deuxièmement ; etc.

La PROFESSION s'indique par **IST** : dentisto, bakisto, artisto

Le SEXE FÉMININ s'indique par **IN** : princo — princino, patro — patrino, leono — leonino

*Cinq* autres *préfixes* et *vingt* autres *suffixes* permettent d'exprimer toutes les idées et ce avec un maximum de précision et de clarté.

---

# L'Espéranto en un coup d'œil

Ni memorigas, ke ni havas provizon de propagandaj folietoj kun ĉi apuda teksto (p. 117). kiujn ni liveras po Fr. 3.— por 50 ekz., Fr. 5.— por 100, Fr. 20 por 500, Fr. 35 por 1000. Ni ankaŭ posedas plumban preskliŝon de tiu teksto, prunteblan je Fr. 10.—

Similan folieton kaj kliŝon ni havas kun la flandra teksto «Esperanto in een oogslag!» (vidu p. 93).

Grupoj kaj propagandistoj! Uzu la materialon, kun ni bonkondiĉe metas je via dispono!

# Ni Gratulas

F-inon Anna Ritschie, membrino de « Verda Stelo », kiu edziniĝis je S-ro Marcel Schiltz, la 26an de Septembro 1923a. Ni samtempe gratulas ŝian patron, Louis Ritschie, kasisto de la Antverpena Grupo Esp., kaj kunorganizinto de la Sepa Universala Kongreso en Antverpeno, kaj la edzinon de tiu malnova samideano.

# Kondolencoj

Al S-ro Joseph Leflot, Liero, pro la morto de lia fratino S-ino Ant. Verlinden-Leflot, okazinta la 22an de Septembro 1923a.

Al Ges-roj Fernand Geersens-Rimbaut, membroj de «Verda Stelo» pro la perdo de ilia patro S-ro Medard Geersens, je la 8a de Oktobro 1923a.

# Internacia Asocio por la propagando de la Aŭtonoma Muziknotado (I. A. P. A. M. N.)

Ninove (Drève 52, Belgujo), la 12an de Oktobro 1923.

Estimata Sinjor(-in)-o,

Eble vi jam legis aŭ aŭdis pri la ununura sistemo kiu definitive solvis la demandon pri la reformo de la muzikskribo, nome la « Aŭtonoma Muziknotado », de Sro Jean Hautstont (Belgo); ĉiuokaze mi sendas al vi samtempe kiel jenan dokumenton mian « Mallongan Klarigon » pri ĝi. Por plena informo pri tiu tre interesa afero, legu mian broŝuron « La demando pri la plibonigo de la muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotado ». Prezo : 0.50 fr. = 2 respondkuponoj. Havebla ĉe Sro Fr. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat (Rue de la Petite Ourse, 45), Antverpeno, Belgujo.

Se vi aprobas la disvastigon de tiu sistemo kun la espero ke iu tago venos kiam ĝi estos sufiĉe potenca por venki la ordinaran muzikskribon, mi invitas vin kunlabori al tiu disvastigo aliĝante al la de mi iniciatita «Internacia Asocio por la propagando de la Aŭtonoma Muziknotado», kaj promesante helpi en via medio al la varbado de novaj adeptoj al la sistemo kaj aliĝantoj al la Asocio, unuvorte, agante laŭ la spirito de la ĉi-kune komunikita «Fundamenta Regularo».

La terminoj de tiu Fundamenta Regularo estas intence tre larĝaj, kaj mi supozas ke vi aprobos ĝin. Se, estonte, pro la granda vastiĝo de la Asocio, ĝi estus ŝanĝota, pli speciale ĝia § IV, ni faros la necesajn ŝanĝojn laŭ la akirita sperto.

Ke mi turnas min unue al la Geesperantistoj por la kreo de nia Asocio, kiu tamen ne estas nur Esperantista, sed ĉiuhoma, pro tio vi ne miru : ne nur la Esperantistoj pli ol iu ajn kapablas kompreni ion progresan kaj posedas la fervoron por ĝin diskonigi, sed ankaŭ, dank' al niaj jarlibroj, mi tuj trovis aron da «Amikoj» al kiuj mi povis turni min kun la espero ke mia propono estus akceptata kun simpatio.

Ni povas eklabori jam de nun kaj ni konsideros kiel unuan Asocian jaron 'a periodon irantan de hodiaŭ ĝis la 31a de decembro 1924. Tuj post la ricevo de via aliĝo vi estos konsiderata kiel Asocian(-in)-o, kaj kiel eble plej baldaŭ ni starigos la komitaton.

Esperante ke vi konsentos partopreni en la nova entrepreno, mi salutas vin, estimata sinjor(-in)o, plej sincere.

L. COGEN.

## FUNDAMENTA REGULARO (F. R.)

§ I. — Sub la titolo «Internacia Asocio por la Propagando de la Aŭtonoma Muziknotado» estas kreita societo por diskonigi kaj uzigi en la tuta mondo civilizita, per ĉiuj ajn rimedoj taŭgantaj laŭ la lokaj kaj tempaj cirkonstancoj, la muziknotadan sistemon eltrovitan de Sro Jean Hautstont.

§ II. — La Asocio akceptas ĉiujn lingvojn sed ĝia ĝenerala kutima lingvo estas Esperanto.

Ĉiu ano pagas jaran kotizaĵon de kvin frankoj; ĉiu societo, jaran kotizaĵon de dek frankoj. La Asocio rajtas akcepti donacojn.

Nepaganto estas konsiderata kiel eksiĝanto.

La Asocia jaro komenciĝas la unuan de januaro.

§ IV. — La Asocio estas direktata de kvin komitatanoj kiuj devas montri inter si unu Direktantan Delegiton (funkciantan samtempe kiel Sekretario-arĥivisto-bibliotekisto-kasisto) kiu zorgas pri la agado de la de la Asocio. La komitato rajtas ankaŭ nomi prezidanton aŭ ian alian titolulon por reprezenti la Asocion aŭ labori por ĝi por kaj en iaj difinitaj cirkonstancoj.

La Direktanta Delegito kaj la aliaj komitatanoj konservas sian oficon dum nedifinita tempo, la titoluloj nur dum la tempo kaj por la cirkonstancoj kiuj pravigis ilian nomiĝon.

La komitatanoj devas kiel eble plej aparteni al malsamaj nacioj kaj estas elektotaj per absoluta plimulto (duono + unu) de la voĉoj

de ĉiuj Asocianoj, laŭ listo de kandidatoj prezentita al aŭ proponita de la Direktanta Delegito, kiu organizos la voĉdonadon praktike kaj lojale, kaj konigos la rezultaton.

La Direktanta Delegito rajtas helpigi sin en sia laboro por la Asocio, de la personoj kiujn li juĝos necesaj kaj konvenaj.

Ĉiujanuare la Direktanta Delegito faros raporton pri sia plena funkcio kaj pri la agado de la Asocio dum la pasinta jaro.

§ V. — La Asocianoj rajtas krei naciajn, regionajn, lokajn grupojn, libere organizotajn, dependantajn de la Asocio kaj havantajn nur la saman celon kiel la Asocio mem. Ĉiu grupo devas montri Grupan Delegiton por la komuniko de ĉiuj aferoj aŭ novaĵoj koncerne la Asocion kaj ĝian celon.

§ VI. — La Direktanta Delegito korespondas kun la Grupaj Delegitoj kaj ĝenerale ĉiuj Asocianoj ĉu letere, ĉu cirkulere, ĉu per rimedo de «Rondirantaj leteroj», ĉu alimaniere. Se utile, li rondirigos «Rondirantan manskribitan gazeton» en kiu ĉiu Asociano rajtos enskribi artikoleton unupaĝan traktantan nur temojn rilatantajn al la Aŭtonoma Muziknotado aŭ al la celo de la Asocio.

La Esperanta Gazeto «Belga Esperantisto» estas kaj restos la oficiala presita organo de la Asocio ĝis kiam ĉi-tiu lasta estos sufiĉe potenca por havi apartan presitan organon.

Ĉiuj Asocianoj kaj grupoj estas invitataj aboni ĝin [Jara abonprezo: Belgujo: 10 fr.; (specialaj kondiĉoj por grupoj); alilande: 12 fr. Sin turni al la Direktanta Delegito].

§ VII. — Ĉio ne pritraktita en ĉi-tiu Fundamenta Regularo estas pridecidota de la Komitato, kiu rajtos preni la konsilon de la Asocianoj. Ĉiu propono ĉu komitata, ĉu ĝenerala, estos akceptata per absoluta plimulto (duono + unu) de la ĝustatempe ricevitaj voĉoj.

# La Brontosaŭro

## PRI LA LIBRO « L'EMPIRE COLONIAL BELGE » DE PIERRE DAYE.

Nia juna sampatrujano, S-ro Pierre Daye, estis ŝarĝita de la brusela ĵurnalo « Le Soir » fari, dum 1922, enketan vojaĝon tra la belga kolonio kaj raporti pri ĝi. La libro suprecitita estas la 663 paĝa detala raporto de la vojaĝinto.

Tiu libro estus legota de ĉiuj Belgoj: ĝi montras al ili la egan riĉecon de nia kolonio, ĝi priskribas en ĉiuj vidpunktoj tion kio estas jam farita de niaj pioniroj en tiu «nova» lando sed ankaŭ ĉion kio ankoraŭ mankas! La tono de la libro estas tiu de la sincereco: ĝi laŭdas kie meritite, sed ĝi senkompate kritikas kie ankaŭ meritie

Kelkaj paĝoj estas iafoje pitoreskaj, aliaj gajaj. Ni ne kontraŭstaras la deziron ĉi-tie traduki unu el tiuj lastaj en kiuj S-ro Daye rakontas kiamaniere du gajuloj mistifikis kompatindan anglan pastron. Certe la aŭtoro ne persekutos min pro senpermesa traduko!

Jen:

Fungurume... Jen estas la regiono de la brontosaŭro. Ĉu oni ankoraŭ memoras en Eŭropo la emocion kiun kaŭzis la pretendita malkovro de tiu fantaziega besto? La historio estas amuziga kvankam malbone konata. Angla-Saksa scienculo, pastro laŭ profesio, trairis, tuj post la milito, la Katangon.

Li tre multe sin okupis pri paleontologio... Ian tagon li alvenis en postenon kie li estis akceptata de du el niaj sampatrujanoj, kaj rapidis demandi ilin pri la kuriozaj bestoj de la regiono. Niaj du Belgoj, al kiuj la distraĵoj mankis, amuzis sin rakontante al la Respektindulo ke, kelkajn tagojn antaŭe, ili estis ekvidintaj beston grandegan, timdonan, pri kiu ili imagis iajn eksterordinarajn detalojn. La Respektindulo ektremis pro ĝojo kaj intereso! Li longe demandadis ambaŭ «laskarojn» (petolulojn), kiuj, eniĝintaj en sia mensogado, amuzadis sin elpensante multajn detalojn ege fantaziajn. La Respektindulo ĉion notis kaj poste enlitiĝis, petinte al siaj gastejdonantoj ke ili provu fari, por la sekvanta tago, skizon de la kurioza besto. Niaj du amikoj eklaboris je tuta sia koro. Sur papera folio ili desegnis diverskarakteran beston: unu faris krokodilan kapon; la alia, kanguruan (*) voston; la unua, elefantan korpon, lia kunulo, la piedegojn de leono.

La sekvantan tagon, la Respektindulo reaperis, kaj ege serioze, la petoluloj montris al li la skizon. La Respektindulo rigardadis ĝin longe, kaj tuj ellasis ĝojan krion: «Ĉiam li estis estinta certa pri tio: tio estas brontosaŭro, prahistoria besto, kaj li suspektis jam de longe ke kelkaj specimenoj devis ankoraŭ ekzisti de ĝi en la Afrikaj profundaĵoj. Estis la brontosaŭro! Tiu malkovro estis por li triumfo! Li estis sciigonta pri tio la sciencularon kaj akiros sciencan gloron!»

Poste, miaj amikoj forgesis sian petolaĵon kaj dum diversaj monatoj ne plu aŭdis paroli pri la Respektindulo... Tamen, ĉi-tiu lasta konscience verkis notojn por la sciencaj akademioj kaj sendis raportojn al la Muzeoj en Eŭropo kaj Ameriko.

Baldaŭ oni parolis pri tiu sensacia malkovro. Le ĵurnaloj rakontis ke oni estis retrovinta vivanta la prahistorian brontosaŭron! La novaĵo rondiris la mondon, kaj fine atingis ian tagon, niajn du sampatrujanojn kiuj ekmiregis! Sed ilia ĝojo atingis sian plej altan gradon, oni diras, la tagon kiam ili vidis alveni amerikan sciencan senditaron komisiitan por fotografi la beston aŭ kapti ĝin por la Muzeo pri naturhistorio de New-York!...

Kaj... neniu plu retrovis la brontosaŭron! L. COGEN.

(*) Makropo, laŭ Grosjean-Maupin.

---

— Kiu estas pli kontenta: tiu kiu havas dekdu mil frankojn da rento aŭ tiu, kiu havas dekdu infanojn?

— ?

— Nu, la lasta, ĉar tiu kiu havas dekdu mil frankojn da rento deziras ankoraŭ pli, dum tiu kiu havas dekdu infanojn estas tute kontenta kaj opinias ke sufiĉas.

# BIBLIOGRAFIO

IDOJ DE ORFEO. Originala romano de H. J. Bulthuis, L. K., 542 pĝ. 12 1/2 × 18 cm. Prezo: 2.25 nederlandaj guldenoj. Propra eldono de la aŭtoro: H. J. Bulthuis Den Haag, Nederlando, Daguerrestraat, 84, — Aĉetebla en Belgujo ĉe F. Schoofs, 45, Kl. Beerstraat, Antwerpen; Prezo fr. 15.—

Jen, originala Esp. verko, kiun ni rekomendas entuziasme.

Pri la stilo kaj uzita lingvo ni nur diru ke la libro ricevis la premion de la Esperanta Akademio.

La romano enhavas grandan lecionon por multaj, kaj bonan konsilon por ĉiuj. Forpelu la pesimismon, diras la verkisto, forpelu ĝin.. kaj kuiru viajn pizo n.. kiel la pilgrimanto en la «Enkondukado,» kaj la gaja filozofo Johano en la libro mem.

La Idoj de Orfeo estas tri knaboj trovitaj, kiuj, post multaj diversaj aventuroj, iĝas grandaj artistoj kaj renkontas unu la alian. La unuaj tri partoj, nome: « la insulano », « la trovito » kaj « la cirka knabo» enhavas ilia'n historiojn.

Ege mirinde estas, ke tiuj tri knaboj.. sed ni ne volus depreni ion de l'intereso de la libro, forbabilante la grandan surprizon de la fino!

Ni notu, ke la figuro kaj karaktero de Johano estas tre sukcese prezentitaj, kaj kvankam li nur aperas por aranĝi la malordiĝintajn okazintaĵojn, li preskaŭ fariĝas la plej interesa persono el la rakonto.

Sciu ankaŭ, ke je la fino, ĉio fariĝas bona (dank'al Esperanto) kiel Johano jam promesis de l'komenco de la libro.

(La verkisto permesu al ni malgrandan, rimarketon. En la dua parto (p. 212) li baptigas Moseon, kaj la pastro diras: «Moseo, mi vin baptas en la nomo de la Patro, de la Filo kaj de la Sankta Spirito; Amen». Tiu lasta vorteto «Amen», neniam estas aldonita al la Sakramento de la bapto.)

Ni laŭdas senrezerve la libron kaj ĝian verkiston kaj esperas ke «Idoj de Orfeo» estos multe legata : Unue por danki la verkiston pro lia taŭga laboro, due, por la plivastigado de la sana, agrablimpresa ideo, kiun enhavas la romano.

INTERNACIA MONDLITERATURO, eldonita de la firmo Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig, 1923.

2-a volumo: LEGENDOJ, de A. Niemojewski. El la pola originalo tradukis B. Kuhl. Kun antaŭparolo de A. Grabowski. Dua korektita eldono, 80 paĝoj, 13 x 19 cm. Prezo: Fr. 3.60. Represo de 4 legendoj: «Tentistoj», «Majlah», «Admono», «Du disciploj» el la kolekto antaŭ la milito eldonita en Magdeburg.

3-a volumo: ELEKTITAJ NOVELOJ, de I. S. Turgenev. El la rusa originalo tradukis A.Mexin. 88 paĝoj, 13 x 19 cm. Prezo: Fr. 3.60,

Bonega traduko de la noveloj «Mumu» kaj «Bejin-Herbejo» kaj de «Poemetoj en prozo». Interese estas ankaŭ la antaŭparolo kun biografio de Ivan S. Turgenev.

5-a volumo: EL LA «CAMERA OBSCURA», de Hildebrand. El la holanda originalo tradukis H. C.Mees, 70 gagoj, (13 x 19 cm.) Prezo: Fr. 3.60.

La tradukinto prezentas al la esperantistaro tri bone elektitajn rakontojn el la majstroverko de Hildebrand, nome «Teun de Jager», «Het diakenhuismannetje vertelt zijn historie», «Een oude kennis». Ni gratulas lin pro lia bona laboro kaj esperas ke baldaŭ la nederlanda literaturo brilu en la internacia biblioteko per plena traduko de «Camera Obscura».

9-a volumo: HEBREAJ RAKONTOJ, de Ŝalom-Alehem, Perec. El la hebreaj originaloj tradukis Is. Mučnik, membro de la Esperantista Lingva Komitato. 80 paĝoj. 13 x 19 cm. Prezo: Fr. 3.60.

Tiu libro komenciĝis per interesplena antaŭparolo kun klarigoj pri la hebrea moderna («juda») literaturo kaj pri la rolo kiun ludis en ĝi la du aŭtoroj Ŝalom-Alehem kaj I. L. Perec. De la unua li tradukis 6 rakontojn kaj de la dua kvin. Li faris tion laŭ tia formo kaj stilo, ke li bone trafis sian celon, t. e. doni bonan ideon pri la ĝenerale malmulte konata hebrea verkmaniero. Ni rekomendas la legadon de la libro.

10-a volumo: TRI NOVELOJ, de A. S. Puŝkin. El la rusa originalo tradukis D-ro A. Fiŝer, membro de la Esperantista Lingva Komitato. Rekomendita de E. L. A. 72 pagoj, 13 x 19 cm.. Prezo: Fr. 3.60.

Ni ne sentas necesecon konigi la tradukinton, nian malnovan talentplenan samideanon, Dro Fiŝer, kies nomo plene sufiĉas por garantii la taŭgecon kaj bonstilon de tradukaĵo lia. La lego de la tiu noveloj: «Pikreĝino», «Neĝblovado», kaj «La Pafo» estas vera ĝuo.

ABISMOJ, de Jean Forge. Romano originale verkita. Eldonis la firmo Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, 1923. Esperanto-Fako. 160 paĝoj 20 x 13,5 cm. Prezo: Fr. 6.—.

La aŭtoro klarigas en sia antaŭparolo, ke, estante nacilingva verkisto, li sentas la tenton skribi originalan verkon en Esperanto. Ĝis nun ni ne aŭdis la nomon cititan, kaj ni supozas ke ĝi estas pseŭdonimo, sed pseŭdonimo, kiu kaŝas unu el niaj plej lertaj samideanoj. Jean Forge meritas dankon pro tiu originala verko, skribita laŭ moderna maniero en plej fundamenta Esperanto. Li prenas honorlokon inter la unuaj originalaj verkistoj, la konstruantoj de nia propra literaturo, kiuj iam neniigos ankoraŭ nuntempe starantan argumenton kontraŭ nia lingvo. Kaj lia libro certe havos honorlokon en la biblioteko de ĉiu bona esperantisto.

MAŜINFAKA ESPERANTA-VORTARO PRIELEMENTA; de Eugen Wüster. (La maŝinelementoj; maŝinoj; plej gravaj esprimoj el la konstrukciado kaj teknologio). — Deutsche Ausgabe. — Eldonita de la firmo Ferdinand Hirt & Sohn. Leipzig, Esperanto-Fako, 1923. 98 paĝoj, 17 x 12,5 cm. Prezo: Fr. 7.50.

Grava teknika verko. Praktike aranĝita kaj plej bele eldonita. Ĝi honoras ambaŭ verkiston kaj eldoniston kaj estos sendube modelo por eldono en aliaj lingvoj kaj por kunmeto de alifakaj vortaroj.

NATAN LA SAĜULO, de G. E. Lessing. Drameca Poemo en kvin aktoj. Tradukita el la germana lingvo de Karl Minor, L. K. NOVA ESPERANTO-BIBIOTEKO; 9-a volumo. Eldonis Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, G. m. b. H., Berlin & Dresden. 1923. 208 paĝoj, 16 x 11 cm. Prezo: Fr. 7.20

La trezoro de la Esperanta literaturo pliriĉiĝis je unu perlo. Grandan kaj gravan laboron liveris S-ro Minor tradukante tiun klasikan dramon de Lessing. Facile la vortoj fluas, kio igas la legadon agrabla kaj alloga. La tradukaĵo estas reprezentita dum la Kongreso en Nurnberg kaj ni envias la gesamideanojn, kiuj havis la plezuron «aŭdi» tiun ĉefverkon.

SEKVANTARO DE L'JUVELOJ. Antverpeno, 12, 15 kaj 19 de Aŭgusto 1923. — Propaganda Broŝuro pri la Festoj de l' Diamanto en Antverpeno, eldonita de la organiza komitato de l' sekvantaro. 8 paĝoj 13,5 x 11 cm. Senpage dissendita.

PRETER LA VIVO, poemaro de Julio Baghy. Eldonita de la «Literatura Mondo», Budapest, 1923. 128 paĝoj, 11,5 x 15 cm. Prezo: Ordinara, sed tre bela eldono : Fr. 3. Speciala luksa eldono : Fr. 5.

Kvar serioj da belstilaj poezioj: «Tra Siberio», «Tra l'oceanoj», «Ĉe la ruinoj», «Kantantaj kordoj», entute 71 perloj el la delikate sentanta plumo de nia bonega poeto Baghy.

JOHANO LA BRAVA, popolfabelo en versoj de Aleksandro Petöfi. El la Hugara originalo tradukis K. de Kalocsay. Eldono de Literatura Mondo, Budapest, 1923. 88 paĝoj, 11,5 x 15 cm. Prezo: Ordinara, Fr. 3. Speciala luksa eldono, Fr. 5.

Naiva popola fabelo verse rakontita. La simpla kaj facile komprenebla traduko tre certe ne malpliigas la meriton de la originalo verkita de la nacia poeto de la hungaroj. Tre rekomendinda.

AUTOSTENOGRAPHIE, par P. Remy. Méthode permettant de sténograhier en toutes langues après 10 heures d'étude facile et attrayante. Kun folieto kun klarigo pri la uzebleco de la sistemo por Esperanto. 20 paĝoj, 27 x 21 cm.. Prezo: Fr. 8.50.

UNIVERSALA BIBLIOTEKO. Eldonita de la Firmo Esperanto-Verlag, Friedrich Ader, Dresden-A 27. 1923.

3-a volumo: HISTORIO DE ESPERANTO, kun la paroladoj, leteroj ktp. de D-ro Zamenhof, kreinto de la lingvo Esperanto. De K. Brüggemann. 160 paĝoj 15,5 x 10.5 cm. Prezo: Fr. 4.; aĉetebla ĉe B. E. Nova laboro pri la historio de nia lingvo. Tre zorge eldonita libreto. Dokumento trastudinda de ĉiu esperantisto.

4-a volumo: LA ALMOZULINO DE LA « PONT DES ARTS » novelo de Wilhelm Hauff. El la germana lingvo tradukis K. Brüggemann, 144 paĝoj. Prezo: Fr. 3.70.

Tiu libreto enhavas kortuŝan noveleton de la multekonata germana verkisto Wilhelm Hauff. La lerta traduko de S-ro Brüggemann kaj la interesega intrigo ĝuigos tiele la leganton, ke li tralegos la tutan libron en unu fojo.

5a vol. EL LA MITOLOGIO DE ANTIKVAJ POPOLOJ, de K. Brüggemann. 80 paĝoj. Prezo: Fr. 2.35. Tre interesa libro pri la mitoj kaj pri la heroa epoko de la antikvaj grekoj. Laŭ nia scio ĝi estas la unua verketo tiuspeca en Esperanto.

6-a volumo. AVENTURO EN LA NOVJARA NOKTO, novelo de Heinrich Zschokke. Esperantigita de K. Brüggemann, 72 paĝoj. Prezo: Fr. 2. Bela noveleto tradukita en la ekzemple klara stilo, kiun kutime uzas la lerta tradukinto Brüggemann, kies laboremo estas vere admirinda en la lasta jaro.

## *DEZIRAS KORESPONDI* :

S-ro Günther Bergmann, Gartenstr., 18, Breslau, 5, Germanujo: leteroj, poŝtk. il., poŝtmarkoj.

S-ro Nikolao Davidovies, Ferencieh Strato 3, Pecs, Hungarujo, per leteroj.

---

**KIU POVAS SENDI** al mi la 1an numeron de «Literatura mondo», ricevos alian hajeron de tiu revuo aŭ samvaloran esperantaĵon, laŭ deziro.

F. Schoofs, (Abonejo de «L. M.»), Kleine Beerstraat, 45, Antverpeno.